


OFICIALA ORGANO DE PROLET-ESPERANTISTA UNIO DE IBER-AMERIKAJ LANDOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| II-a Epoko 2-a (5) JARO | REDAKTEJO - ADMINISTREJO Hospital, 54, pral. - Barcelono | BULTENO MARTO 1936 | SOCIA SIDEJO Cros, 4 - Barcelono (Sans) | Nr-o 5 (34) |

# LA PARIZA KOMUNO

## (1871)

*"La parizaj laboristoj kaj sia "Commune" estos eterne laŭdindaj kiel glora gvardio de estonta nova societo. Iliaj martiroj vivos profunde, en la koro de la tuta proletaro. Sed al tiuj kiuj detruis ĝin, la laboristoj mem prenis sur si la devon, kroĉi ilin sur senhonora kruco de kie neniam povos esti liberigitaj malgraŭ la preĝoj de iliaj pastraĉaj klerikulaj defendintoj."* (Marx)

La 18 de Marto 1871 estas dato ne forgesebla por la laboristoj klaskonciaj; tiu memorinda datreveno devas esti por ĉiuj ekspluatitoj kiel kortuŝa tago por glormemori la martirojn kiuj heroece donis sian vivon por defendi la proletan socion, la socialismon.

Per la Pariza Komuno, oni finas historian epokon, kiu cirkaŭas preskaŭ jarcenton, kies rezultátoj instigis al disvolviĝo de estonta klasa generacio.

Sed la Pariza Komuno, pli ol la fino de epoko, estis ekkomenco de alia revoluciema periodo.

Malgraŭ ĝiaj eraroj, ĝi estis por la laboristoj, la torĉo kiu lumigis la vojon kien la proletaro iros rekte por finvenki kapitalismon.

Sen ĝia sperto ne estis eble sukcesigi la revolucion en Rusio dum la jaro 1917. Lenin, kiu pasigis sian tutan vivon studante la fenomenajn kaŭzojn kiuj malsukcesigis la Parizan Komunon, certe konkludis ke, unu el la plej ĉefaj faktoroj de kiuj dependas la sukceso estas la zorga organizado de forta laborista partio kiu lerte preparu revolucion kaj sekve trudu la proletan diktaturon.

Tiu-ĉi sperta movado montris, kiel ni devas agi por efike enkonduki revolucion al tutplena sukceso. Ankaŭ havis multe da graveco, la instruadoj de la unua proleta diktaturo. Kaj oni povas certigi ke sen tiuj instruadoj, ne estus eble



tiel rapide al la rusaj proletoj, trairi la vojon kiu enkondukis ilin al la decida venko.

Dum la militaj tagoj kiujn travivis la parizaj laboristoj, laŭdinda estas la kunagado de la proletaj virinoj. Sur la strato ili batalis kun tiom da kuraĝo ke meritan mencion ni ŝuldas al ili; ni gloros ilian heroecon per la samaj vortoj kiel diris Félix Pia: "...mi vidis tri revoluciojn sed mi unua foje vidas, ke la virinoj, virinoj kaj infaninoj estis ĵetantaj sin al ĝi kun tiu decideco. La okazanta revolucio, evidente, pli ol ĉiuj antaŭaj, estas proksima por ili; defendante ĝin, ili batalas por sia propa estonteco."

"La komunala revolucio estas sociala en plena senco de tiu-ĉi vorto. Kial? Ĉar ĝi proklamas rajton je laboro... La kristanismo vidas en la virino ne tiom edzino, kiom sklavinon; kaj nur la socialismo povas garantii al ŝi ĉiujn rajtojn, liberecon kaj dignon... Sentante tion ĉi instinkte, ili (la virinoj) prenas la pioĉon kaj konstruas barikadojn por poste defendi ilin kun la pafilo en la manoj..."

"... la virinoj kaj infaninoj staras sur la barikadoj kaj pafas. Stranga energio movas ilian nerompeblan kuraĝon; ili ankoraŭ batalas, kiam la viroj forlasas la barikadojn."

"Ĉiuj virinoj, kiujn ekzekutis la ekscititaj soldatoj, mortis kun malbeno sur la lipoj, kun ignora rideto, kiel martirinoj, kiuj sin oferante, plenumis per tio, sian superan devon..."

La malvenko de la Pariza Komuno multe prokrastigis la laboristan movadon, sed ĝiaj bataloj kaj viktimoj ne estis senfruktaj, ĉar post de tiu unua batalo, kiel kuraĝa gvardio, venis la epoko de la revolucio proletara.

Kaj ĉie kie la laboristoj batalas por atingi socialismon, je la nomo de la Pariza Komuno, grandega lumo brilas antaŭ ili, kiel memoro de la heroaj pioniroj kiuj malfermis la unuan breĉon en la fortikaĵo de kapitalismo.

# Por-Kongresaj meditoj de PUIL-membro

Ŝajnas, ke ekzistas la plej granda konfuzo pri la instrua maniero ĉe la esperantista movado.

Dume estas kamaradoj, kiuj konsilas lernigi esperanton laŭ la *rekta metodo,* aliaj Kdoj kredas, ke estas necese uzi larĝe gramatikon.

Se oni aplikas rigore la rektan metodon aŭ ĝian kontraŭan metodon, la gramatikan, principe estas riproĉindaj ambaŭ.

Tamen, ni malŝatas la rektan metodon, ĉar per ĝi pli ol instrui oni trompas la lernanton. Ĉe "komercaj" aŭ ekspluatemaj lernejoj ĝi havas grandan sukceson, ĉar la lernantoj konstante sin sentas entuziasmigitaj, ĉar ili trompas sian nescion antaŭ la gepatroj k. amikoj eldirante kelkajn frazojn, de la unua lerntago mem. Tiu metodo estas tre utila inter infanoj k. eble ankaŭ inter lernantoj, kiuj bone konas gramatikon; ja ĉiuj ni lernis nian gepatran lingvon unue nur per oreloj kaj sen scienca bazo nia, nek kun la helpo de gramatiko, sed tiu metodo fiaskas dum unu kurso de Esp.o por havigi al ni regulajn esperantistojn; la lernanto ne ĉiam povas esti apud la instruanto kiel infano kun patrino, nek povas iri pli malfrue la lernanto de esp.o al lernejo por lerni la esperantan gramatikon por esp.o kiel tion faras la infano kiam li estas sepaĝa por lerni gramatike sian gepatran lingvon.

Observu, ke ni ne kreas lertajn esperantistojn, se ni ne instruas la gramatikon de esp.o al la lernantoj. La kursoj per la rekta metodo unu post la alia ili sin sekvas, sed la praktikaj rezultoj tiom sopirataj por la pliigo de esperantistoj kaj permesi la ripozon de la ĉiamaj k. samaj sin oferantaj kamaradoj ne estas videblaj ajne kaj iam. Ni ne nur ne sukcesas krei niajn anstataŭantojn, sed iafoje nek niajn kunlaborantojn. Kaj ni ŝuldas la fiaskon al la ne sufiĉe gramatika metodo de instruado, al trouzo de la rekta metodo. Ĉi instrumaniero nur estas utiliginda propagandcele, sed ne por fari seriozajn esperantistojn en ĉiu nia kurso, maksimume se ni memoras ke kutime la lernantoj estas pli ol dek kvarjaraj aĝaj kaj malpli ol 35-jaraj.

Ja ni troe aŭdas pri pedagogiemonstra instruprocedo de lingvoj per gramatiko. Sed rimarku, ke ĉi tiu admono kontraŭ gramatiko estas disvastigata ĉefe de *negocistoj* de lingvoj. Kaj danke al la influoj de ĉi tiuj, eniĝis en la esperantistan movadon la opinion de l' negoculoj. Certe multaj Kdoj, eĉ tre lertaj, sin lasis konvinki facile de la ŝajne sukcesega kaj ne kapdoloriga metodo. Ja influas ankaŭ en la aplika sukceso de ĉiu metodo la malpreparo gramatika de la instruantoj mem, kelkaj el ili formitaj per tiu metodo, ĉar lernantoj, kaj gvidantoj ĝenerale estas laboristoj, kiuj entute forgesi, k. la gramatikon, kiun ili studis ĉe la unua instruado. Sed la efektiva rezulto de tiu oferemo estas preskaŭ nula.

Vere fiaskas ankaŭ gramatika kurso de esp.o, se oni ne scias *kiel gramatike instrui la lingvon internacian,* ĉefe se ni ne observis, ke ne estas same por instruanto nek por lernanto, instrui kaj lerni esperanton ol alian lingvon. Por instrui kaj por uzi esperanton oni ne gajnas monon. La lernanto ankaŭ scias tion. Instruantoj kaj lernantoj de esp.o laboras ne pro "interna ideo de esp.o", kiel opiniis Zamenhof, sed pro la interna ideo de la lernantoj kaj instruantoj. Kial instruas kaj lernas esp.on la laboristoj inter laboristoj? Pro revolucieco, pro internaciismo, pro klasbatalo, pro la neceso agi komune laboristaro en tutmondo. Esp.o ne baras internan ideon, male esp.o estas aĵo inerta kiel cetero ĉiuj aliaj aĵoj kaj lingvoj. La interna ideo troviĝas en la lernantoj kiuj aplikas la lernitaĵojn al siaj pensoj kaj agoj, naskiĝantaj el la interno de iliaj koroj, kiuj forĝiĝas senĉese en klasbatalo.

En proksima artikolo mi parolos *kiel* gramatike fari taŭgajn, lertajn esperantistojn dum la kursoj.

INSTRUISTO

## Kial la Instruantoj de Esperanto devas koni Pedagogion

La organizintoj de P. U. I. L., antaŭ la fondo de la Unio, jam ili konis kelkajn difektojn dum la instruado de Esperanto, ĉar ili ankaŭ suferis pro la sama malsano, k. kiam ili strukturis la Federacion ili jam planis organizi specialigitan profesoraron, ne por krei luksan fakon en P. U. I. L., sed por eviti la nunajn instrudifektojn k. por ke, niaj gekdoj komencu studi la kaŭzojn de sukceso aŭ malsukceso de la kurs-gvidado, k. por koni ankaŭ manieron kiel progresigi Esperanton en laboristaj rondoj spite la kapitalisma subpremado.

Pedagogia preparo estas necesa al la kdoj por gvidi Espo kursojn. Ja por ludi rolon en la Profesoraro de P. U. I. L. oni ne bezonas esti pedagogo, sed ĉiu instruanto nepre bezonas koni la plej elementalajn pedagogi principojn. Tie ĉi kuŝas parto el la fiasko k. sukceso de la priesperantaj kursoj. Estas necese, do por labori efike, disponi kelke da kdoj organizitaj sciante elementalajn konojn pri pedagogio. Tiu ĉi afero estas tiel frapanta, ke neniu kdo. povas ignori entute la pedagogion kiel nun okazas, se oni volas serioze sukcesigi Esperanton

# Pri "disdialektiĝo" de nia lingvo

(daŭrigo)

Disdialektiĝo de esperanto do evidente dependos nek de laŭvola aŭ laŭhazarda okazaĵo, nek de timo, deziro aŭ gusto de ia redaktoro de Viena "Laboristo Gazeto", sed de aliaj, pli grava,, ĉar *historiaj* faktoroj.

La historia epoko de disdialektiĝo estas delonge forpasinta sur nia tero. Kiam la homoj vivis ankoraŭ sur tre primitiva kulturŝtupo, ĉirkaŭataj ne de densloĝataj regionoj, sed dise loĝantaj sur vastaj etendaĵoj, en ĉiutaga lukto por la nuda ekzisto kontraŭ ĉiuspecaj kaj naturaj potencoj, ĉiu tribo malmultenombra parolis unu solan lingvon. Sed la nombro kreskadis, la vivkondiĉoj pli kaj pli malfaciliĝis, la kvanto da ĉasaĵo aŭ da fiŝoj ne plu (temperaturaj ŝanĝoj, k. s.) ankaŭ sufiĉis al ĉiuj. Aliaj naturokazaĵoj kunhelpis por ke finfine tia tribo disiru. La historio al ni rakontas kiom da tiaj popolmigradoj okazis en la mondo. La disiro je tiel malalta kultura nivelo havis plej gravajn konsekvencojn por la lingvo. Lingvo nur parolata, skribe ne fiksita nature pli facile kaj pli rapide ŝanĝiĝas ol lingvo, kiun ĉiu scias skribi, lingvo kun riĉa literaturo, kiu estas kvazaŭ mastiko de stabileco de lingva evolucio. Tiamaniere post kelke da generacioj, la prononco, la sonaro de la idiomo estis ŝanĝita. La fundamentaj formoj, por lingvisto rekoneblaj, restis la samaj, sed la elparolado ŝanĝiĝis, novaj esprimoj aliĝis post la disiro, kaj tiel disdialektiĝis la antaŭa lingvo, el la dialektoj kreiĝis novaj lingvoj, en ĉiama, konstanta fluo. Tio estis la epoko, kies bildon la Biblio pentras per la *Babela turkonstruo*.

Sed ju pli kreskis la produkciaj fortoj, ju pli altiĝis la kultura nivelo, des pli ni povas observi kontraŭan tendencon—anstataŭ disdialektiĝo de lingvo, kunfandon de diversaj dialektoj en unu solan lingvon. Tiel naskiĝis la modernaj grandaj kulturaj lingvoj — franca, angla, germana, itala, ktp. ktp. Sub la premo de ekonomia neceseco (kreskado de produktado, interŝanĝo, komerco, ktp.) formiĝis la naciaj ŝtatoj, pro ekonomiaj kaj ŝtatpolitikaj bezonoj estis kreita nacia lingvo, naskiĝis nacia literaturo, nacia kulturo. La kapitalista sistemo ankoraŭ plirapidigis kaj pliakriĝis tiun evolucion.

Sed same kiel ĉiu disvolviĝo en kapitalismo, ankaŭ la lingva kaj nacia disvolviĝo estas dialektika, kontraŭdira procedo. Unuflanke ĝi unuigas multe da dialektoj en unu solan lingvon nacian, aliflanke ĝi kreas grandan nombron da nacioj kun novaj lingvoj (ekz. Balkano), kiuj antaŭ cent jaroj ĝuste komencis sian historian ekziston, ĉar tiujn lingvojn parolis popoletoj de kamparanoj sen propra ŝtato, dormantaj sub la prema jugo de fremda ŝtato. Unuflanke ĝi niveligas la lingvajn diferencojn per kunfando de dialektoj, aliflanke ĝi multobligas la lingvajn diferencojn per kreo de novaj lingvoj multnombraj. Sed samtempe tiu evolucio kreis la elementon necesan por la solvo de la kontraŭdiro: super ĉiuj naciaj lingvoj aperis nova lingvo, *lingvo internacia*, rilate al kiu ĉiuj naciaj lingvoj estas nur dialektoj. Kaj la evolucio kapitalista kreis ankaŭ la forton kiu kapablas realigi la kunigon de ĉiuj naciaj lingvoj sub la superlingvo: la tutmondan laboristaron, kies internacia klasbatalo kreas unuecon pli solidan ol tiu de kapitalista sociordo, ĉar ĝi estas unueco internacia sen la kapitalistaj kontraŭaĵoj.

En la epoko de primitiva socio, kiam la popoloj disiris, disiĝis la primitivaj lingvoj. En la epoko de la kapitalista socio, ĉirkaŭprenante la mondon, la popoloj ne povas disiri sen iama revido, sen daŭrigo de konstantaj rilatoj. La tero estas tro mallarĝa por ke unu povu vivi seninterrilate flanke de l'alia. Telegrafo, telefono, senfadenaj komunikoj, elektriko, fervojoj, aŭtomobiloj aerŝipoj, ktp. ktp. malebligas ke unu aŭ alia nacio sin retiru en apartejon por tie kviete kaj trankvile okupiĝi pri laŭdialekta disvolvo de esperanto. Pli kaj pli firmiĝas la internaciaj rilatoj, kaj post venko de la proletaria revolucio, tiu disvolviĝo fariĝos ankoraŭ pli rapida kaj pli forta. La redaktoro de la Viena "Laborista Gazeto" malfeliĉege faris tute malgrandan eraron: li maldistingis la epokon de Babela turkonstruo kaj la XXan jarcenton!

Ni ne maltrankviliĝu. La iro de la historia evolucio malebligas disdialektiĝon de esperanto, same kiel ĝi malebligas disdialektiĝon de germana, franca aŭ de iu alia moderna kulturlingvo. Por ke disdialektiĝo okazu, estus necese ke la evolucio iru ne antaŭen al socialismo, sed malantaŭen tra feŭda epoko, tra naturaĵa interŝanĝo kaj praarbaroj ĝis primitivaj ĉasistoj kaj fiŝkaptistoj; estus necese ke la evolucio ĉesu tie kie ĝi komenciĝis: Ĉe Babela turkonstruo.

*Lucien Revo.*

---

profite al laborista klaso k. disvastigi nian lingvon multege.

Aro da disciplinitaj k. pedagogie preparitaj kdoj estas nur kiuj povas plej sukcese instrui Esperanton.

"La celo de la nuna lernejo estas eduki homojn, kiuj taŭgos por gardi la nunan sociordon k. kiuj blinde sklave servas al kapitalismo. La instruistoj nur penas kovri la maljuston de la ŝtato antaŭ la okuloj de la studentoj k. malhelpas veran studon por la nova sociordo."

"Viciĝi ĉe la revoluciaj klasbatantoj estas la sola rimedo por finsukcese forigi la kapitalisman sistemon."

Samtempe ke ni kompetente instruas Esperanton ni instigu la studon de socialismo k. klasbatalo al kursanoj por fari ilin klaskonsciaj laboristoj.

*Maturulo*

## ATENTU!

En venonta Aprilo okazos en Barcelono la Kongreso de PUIL, la E. K. profitos la okazon por organizi gravan prolet-esperantan eksposicion en la sama ejo kie okazos la Kongreso. Ni petas al la kamaradoj, por pli bone sukcesigi ghin, ke ili kunlaboru, en ghi, sendante materialon por eksposicii k salutleteron por la Kongreso; tio multe plialtigos la prestighon de nia Unio k samtempe eblos al ni propagandi Esperanton inter la laboristoj kiuj vizitos la kongresejon.

Adresu ĉion al Informejo de PUIL

Materialon ni resendos post la Kongreso.

---

## Ge-kamaradoj!

Por via reaniĝo al P.U.I.L. sendu la monon al Administrejo Strato Hospital, 54, pral. Barcelono



**Ĉu via amiko jam estas membro de "Prolet-Esperantista Unio de Iber-Amerikaj Landoj" aŭ almenaŭ abonanto de PROLETA VOĈO, kies jara abono estas nur 3 peseta?**

---

**IMFORMEJO DE P.U.I.L.**
Strato Hospital, 54, pral. - BARCELONO

**INFORMOJ PRI LA UNIO**

## II-a Kongreso de P.U.I.L.

(12-13-14 de Aprilo 1936)

En sia lasta kunsido E. K. fiksis la daton de la II-a PUIL-Kongreso, kiu okazos en Barcelono ĉe «Ateneu Popular de Gràcia» la tagojn 12-13-14 de Aprilo sub jena:

### Kongresa Tagordo

1 Malfermo de la Kongreso per inaŭgurado de prolet-esperantista eksposicio
2 Raporto.
3 Kalkulstato.
4 «Proleta Voĉo».
5 Profesoraro.
6 Propagando.
7 Elekto de Postenoj.
8 Sinteno de PUIL antaû la internacioj.
9 Generalaj aferoj.

Ni ne bezonas averti niajn k-dojn. pri la eksterordinara graveco de ĉi-tiu Kongreso por la plua disvolvo de Esperanto en proletaj medioj de nia lando.

Partoprenu grandnombre kaj ni ĉiuj ebligu, ke ghiaj decidoj ne restu senfruktaj por la bono de proleta klaso.

E. K.

## KORESPONDADO

### SOVETIO

17-jara junkomunisto volas kor k intershanghi gazetojn, broshurojn ks.
U. R. S. S.; Gomel (Blankrusio) Vladimirskaja 34, S. Robrik.

Studentino volas korespondi kaj intershanshi poshtkartojn, gazetojn, ktp. U. R. S. S.; Donbas; Postishevo Ugolschikov. Kajkom esperantistov; Kamaradino S. Farisejeva.

Hungaro laborante en Sovetia shufabriko volas korespondadi kun laboristoj pri la laboristaj movadoj, kultura vivo, esperanta literaturo, k ankaû pri la metodo de shufrabrikado. Ankaû volas korespondadi kun sud-amerikaj landoj, sud-afrikaj, Hindio, Chinio, k Japanio. U. R. S. S. Krimi.
Simfero polj; Pushinskaja. n. 11 kv. 20
Haliesi Kolman.

### JAPANIO

30-jara oficisto volas kores. pri internaciaj politikaj, ekonomiaj, sociaj aferoj. Japanio; Nishitemuci-Cho; Kjuusakula; Urbo Nigata; Gubernio Niigata. Kazaû Hughita,

---

## PROLET-ESPERANTISTA UNIO DE IBER-AMERIKAJ LANDOJ

VARBILO

Bonvolu enskribi kaj aboni al oficiala organo K-do, K-ino
Familia nomo ........ Antaû nomo ........
Profesio ........ Aĝo ........
Strato kaj n-ro ........
Loko ........ Provinco ........
Lando
Mi sendas per ........ la sumon de ........
Samfamilianoj de membro n-ro ........
Kiel membro aktiva, protektanta. (*)
........ 19
(dato)

(subskribo)

(*) Forstreku kion vi ne deziru!

G. A. S. - Aribau, 728